I jaro  Sofia — Bulgario  Marto-Aprilo 1958, N-ro 5-6

# INTERNACIA JURNALISTO



Organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)




## AL NOVAJ VENKOJ

Post 3 — 4 monatoj TEĴA eniros sian trian jaron de ekzistado. Dum la unua jaro nia restarigita Asocio atingis gravajn sukcesojn.

Plej grava sukceso de TEĴA estas ĝia stabiliĝo kaj konfirmiĝo kiel agnoskita vivkapabla kaj vivrajta internacia Esperanto-organizaĵo. Efektive, tio okazis malrapide, tamen daŭre kaj senĉese. Estis fonditaj kelkaj landsekcioj: bulgara, pola, jugoslavia, sovetunia. La ĵurnalista sekcio en Jugoslavio eĉ transformiĝis en Jugoslavian Esperantistan Ĵurnalistan Asocion. Aliĝis jam pluraj individuaj membroj el Danlando, Svedio. Francio, Britlando, Aŭstrio, Germanio, Vietnamio.

Niaj vicoj kreskas pli kaj pli, kaj per tio kreskas ankaŭ la rolo de TEĴA, kreskas ĝia signifo. „Mi alte taksas la rolon de TEĴA, — skribas al ni s-no Marton Lajos el Budapeŝto, — sciante kiom grava estas la Esperanto-afero inter la ĵurnalistaro kaj samtempe kiom dependas la venko de Esperanto de la laborado de la ĵurnalistoj."

Sindone dediĉas al la komuna afero siajn fortojn, tempon kaj rimedojn niaj bravaj kolegoj ĉiulandaj. Nia samideanino Vogel el Stuttgart (Germana Federacia Respubliko) kortuŝe deklaras: „Kiel longe mi havos la forton kaj la energion, mi kunlaboros aktive!"

Per tiaj kunlaborantoj ni iros malproksimen, nia TEĴA kreskos kaj floros.

Grava fakto en la dua jaro de nia ekzistado kiel organizaĵo estas la ekapero de nia presorgano „Internacia Ĵurnalisto", de nia modesta parolilo, amata tribuno, kontaktilo kaj organizanto.

Jes, antaŭ ĉio — organizanto. Sen la gazeto ni ne povus eĉ revi pri la sukcesoj, kiujn ni atingis en tiel mallonga periodo, En la gazeto aperas niaj nomoj kaj adresoj, per ĝi ni kontaktas reciproke, ĝi informas nin pri novaĵoj en nia organiza kaj kultura vivo, per ĝi ni spiras, per ĝi ni vivas!

Neniu el niaj kolegoj povus nun imagi la Asocion sen nia organo. Kun kia malpacienco kaj sopiro ĝi estas atendata de niaj membroj kaj ankaŭ en la tuta mondo. „Kun granda malpacienco mi atendas ĉiutage ĉiun numeron de n i a organo" — skribas samideano Niewarowski el Katowice, Pollando.

La ĝenerala kunveno de la membroj de TEĴA, okazinta pasintjare en Marsejlo en la kadro de la 42-a Universala Kongreso, markis pluan etapon en nia evoluo. Ĝi elektis regulan estraron de la Asocio, akceptis kaj aprobis la aperigon de la presorgano, kiun ĝi nomis „Internacia Ĵurnalisto", ĝi skizis planon de laborado, starigis seriozajn taskojn kaj iniciativojn, inter

**kiuj rimarkinda** estas la fondo de Intejr ŝanĝa Servo, peronta liveradon de diversa-gazetmaterialoj, ktp.

Ĉio ĉi esperigas pri pluaj gravaj sukcesoj.

Sed la sukcesoj ne venos per si mem aŭtomate. Ili devas esti akirataj per streĉa komuna laboro.

Ni ĉiuj, ĵurnalistoj diverslandaj, sen diferenco de politika aŭ religia kompreno, sendepende de partia aŭ organiza aparteno, havas la devon mano en mano, sindone kaj senrezerve apogi nian karan komunan organizaĵon kaj ties organon — „Internacia . urnalisto“.

Ni devas streĉi niajn fortojn kaj formi sekciojn ankaŭ en Britlando, Nederlando, Ĉeĥoslovakio, Italio, Aŭstrio, Ĉinlando kaj en la ceteraj landoj, kie estas kvin aŭ pli da ĵurnalistoj — esperantistoj.

Ni devas amase aboni nian torĉon, nian amatan „Internacia Ĵurnalisto“, garantiante per tio ĝian pluan regulan eldonadon. Krome, ni devas kolekti kaj mem oferi monrimedojn por fonduso de „Internacia Ĵurnalisto“.

Kaj antaŭ ĉio — ni devas serioze, saĝe kaj sisteme eklabori por tio celo, kiun ni, fondinte la Asocion kaj eldonante ĝian organon, volas efektivigi — la utiligon de Esperanto por nia profesia ĵurnalista agado, por interŝanĝo de materialoj, de sperto, de vizitoj reciprokaj.

Al laboro, samideanoj ĵurnalistoj! Al novaj venkoj!

Asen Grigorov, Sofia

---

## AŬTOMOBILO KAJ AŬTORITATO

Fablo de N. F. Danovskij

Arda junulo,
Revemulo,
Nesperta en vivo,
Pruvis al iu
Eminentulo,
Ke ekzistas por homa utilo
Aŭtomobilo.

Kun rideto kompata
L'aŭtoritato
Tre pacience
Citis parkere paĝojn
El la scienco
Multmiljaraĝa:

„Tago kaj nokto iras en paro,
Fungoj kreskas en arbaro.
De l' flor kun mielo
flugas abelo . . .
Kaj por automobilo,
ĉu kiel ilo,
ĉu kiel esto,
loko ne restas“.

Sed transirante straton,
Li trafis sub radon
Per kapo.
Ja, gapo
Estas permesata
Ankaŭ al aŭtoritato.

Do li mortis trankvile
Sub la aŭtomobilo
kun vortoj surlipe
konvinke emfazaj:
„Neebla okazo“!

La moralo de l' fablo
Ne postulas kapablon.
Ne elspezu
Freneze
Vorton oran,
Nek tempon valoran,
Kie decidas nur ago
De l' ĉiutago.

ĈU VI ALIĜIS AL LA 43-a UK EN MAINZ?

TEĴA

## LA NOMBRO DE TEĴA—MEMBROJ EN RUMANIO KRESKAS

Mi ricevis ankaŭ la lastan numeron de „Internacia Ĵurnalisto". Certe ĝi atestas progreson kompare kun la unuaj numeroj. Responde al la alvoko de la redakcio, mi preparas modestan materialon por la bulteno. Samtempe, mi sciigas al vi, ke mi membrigis ĝis nun 7 ĵurnalistojn el nia lando, grandparto el kiuj estas malnovaj samideanoj.

La intereso pri Esperanto nun en nia lando estas grandega kaj ni agadas fervore por kontentigi ĝin. Oni povus diri, ke preskaŭ ĉiuj gazetoj en nia lando publikigas materialojn pri Esperanto. Mi intencas malfermi esperantan kurson ĉe la Unuiĝo de la Rumanaj Ĵurnalistoj, kaj tiam la anaro de TEĴA en nia lando plimultiĝos.

Mi kredas, ke vi ricevis jam la unuan rumanan Esperanto-bultenon. Nun ni preparas la duan, kiu estos presata.

Mi subtenas la opinion de s-no Niewiarowski el Katowice, nome, ke ni devas zorgi pri la profesia pureco de niaj vicoj. Tio estas kondiĉo, ke TEĴA fariĝu vera asocio de la ĵurnalistoj-esperantistoj.

St. Freamăt, Bukureŝto

## MI ĜOJAS

La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" ricevis entuziasmoplenan leteron de kolego Oskar Berman el Tel-Aviv, Izraelo. S-no Berman estas malnova esperantisto kaj ĵurnalisto. Interalie li skribas:

„Ĝis 1939 mi laboris por Esperanto en Lodz kaj Warszawa. Intertempe mi vizitis 10 internaciajn Esperanto-kongresojn. Dum la universala kongreso en Stockholm (1934) mi persone alvokis ĉiujn ĵurnalistojn-esperantistojn al fakkunsido por fondo de ĵurnalista organizaĵo. Mia propono estis subtenata de diversaj Esperanto-gazetoj. Mi membris jam en la estinta TEĴA, gvidata de s-ano prezidanto Johanson.

Ricevinte la unuajn numerojn de „Internacia Ĵurnalisto", organo de la nove restariĝita TEĴA, mi kun intereso tralegis ilin kaj nun kun ĝojo aliĝas al nia Ĵurnalista Asocio, kontenta, ke miaj antaŭaj penoj estas realigitaj sur la bazo de niaj praktikaj ĵurnalistaj bezonoj.

Al la gvidantaro de TEĴA mi esprimas mian sinceran dankon kaj bondeziras al ili kaj al la redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" sukcesplenan, fruktodonan laboron."

Oskar Berman — ĵurnalisto
6, Shilo strato, Tel-Aviv, Izraelo

---

## NOVA ESPERANTO-TORĈO EN SOVET-UNIO

Ĝojiga fakto estas, ke en la Granda Sovet-Unio nia Esperanto-movado disfloras de tago al tago, akirante ĉiam novajn sukcesojn. Centoj da malnovaj samideanoj reaktiviĝas, miloj da novaj adeptoj lernas Esperanton en kursoj. Oni aperigas konstante multnombrajn favorajn al nia lingvo artikolojn en centoj da sovetaj gazetoj kaj ĵurnaloj. Aperis jam ankaŭ la unuaj postmilitaj vortaro kaj lernolibro de Esperanto. Oni refondis jam Esperanto-unuiĝojn en Belorusia, Armena, Kartvela kaj Litova Respublikoj.

Agrablan surprizon kaŭzis al ni la ricevo de la unua numero (januara) de la aperinta en ASSR — „Armena Esperantisto" — monata literatura kaj kultura bulteno, organo de la Armena Organiza Komitato, sub la aŭspicio de la Erevana Ŝtata Universitato. Redaktoro — prof. Gurgeno Sevak. Adreso: Redakcio de „Armena Esperantisto", poŝtkesto № 78, Erevan, Armena SSR, Sovet-Unio.

Al la nova kunbatalanto — niajn sincerajn salutojn kaj bondezirojn por fruktodona laboro.

## ESPERANTO-KURSOJ POR ĴURNALISTOJ

### En rumanio

Ĉe la redakcio de la ĵurnalo „Skînteia Tineretului“ („Junulara fajrero“) — organo de la Laborista Junulara Unuiĝo en Bukureŝto, estas malfermita kurso, en kiu lernas Esperanton kelkaj gejunuloj el la redakcio de la supremenciita ĵurnalo. La gekursanoj jam sendis sian unuan kolektivan leteron al eksterlando.

### En bulgario

En Sofia, ĉe la granda bulgara ĉiutaga gazeto „Rabotniĉesko delo“ („Laborista afero“) jam depost du monatoj sukcesplene funkcias Esperanto-kurso por ĵurnalistoj. Kursgvidanto estas s-ano Ĥristo Ĉavdarov, membro de TEĴA. La kursanoj jam komencis korespondi kun eksterlandaj kolegoj.

---

## ESPERANTO — OFICIALA LINGVO

La bulteno „Esperanto“ de la rumanaj esperantistoj informas, ke speciala komisiono por kapablecatesto en la kadro de la Instituto por lingvoscienco en R. P. Rumanio akceptis Esperanton kiel oficialan lingvon inter la aliaj uzataj fremdaj lingvoj. Proksimume dek samideanoj-tradukistoj el Bukureŝto ekzamenis sukcesplene. La ekzamenkomisiono estis gvidata de nia kolego St. Freamăt. La partoprenintoj en la ekzameno akiris la rajton de tradukistoj en kaj el Esperanto.

La ekzemplo estas imitinda.

## PRELEGO PRI ESPERANTO

En la granda rumana urbo Oradea okazis publika prelego je temo: „Kio estas la Internacia lingvo Esperanto“. La prelego estis organizita en la kadro de la tutŝtata „Societo por Disvastigo de Scienco kaj Kulturo“. Sukcesplene prelegis la ĵurnalisto el Bukureŝto, s-no St. Freamăt.

## LA ALIAJ PRI TEĴA

En „Esperanto“, organo de la rumanaj esperantistoj, aperis informo pri TEĴA, pri ĝiaj celoj kaj taskoj. La bulteno mencias ankaŭ pri la presorgano de TEĴA kaj petas la interesiĝantajn ĵurnalistojn-esperantistojn en Rumanio sin adresi al la komitatano de TEĴA, samideano St. Freamăt.

## INTERŜANĜSERVO

Ricevitaj artikoloj en Esperanto:

1) Pitoreskaj anguloj en Bulgario. (La urbo Belogradĉik) Interesa artikolo pri belaspekta urbo Belogradĉik kun legendo pri la mirindaj bestsimilaj rokoj kaj ties bildo. Aŭtoro: Todor Oŝanski, Belogradĉik, Bulgario.

2) La popolmuziko en Danlando. Artikolo pri la evoluo de la dana popola muziko. Kun bildmatrico. Aŭtoro: G. Nörgaard Jepsen, Silkeborg, Danlando.

3) La estonta Dana reganto — kun bela kliŝo. Aŭtoro: G. N. Jepsen, Danlando.

La artikoloj troviĝas ĉe la gvidanto de la „Interŝanĝservo“ — s-ano G. Nörgaard Jepsen, Skovvangen 17, Silkeborg, Danlando. Oni povas recevi ekzempleron de ili kontraŭ 3 respondkuponoj, sendante ilin anticipe al la suprecitita adreso.

---

## DEZIRAS KORESPONDI

Nikolaj Nikolov, str. Ĉapaev 12 A, Sofia 13, Bulgario, pri junularaj problemoj.

---

Pro kulpo de la teknika korektisto, en la n-ron 3—4 de „Int. Ĵurnalisto“ enŝoviĝis preseraroj. Ni petas pardonon de la legantoj.

---

Redaktoro: Iv. Keremidciev, blv. „Hristo Botev“ 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgario.